der esperantist

Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR

13. Jahrgang Nr. 81 (1/1977) 30 Pf

# Erklärung

## der Delegierten der II. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR

Die Esperantisten im Kulturbund der DDR bekunden ihren festen Willen, als Bürger der DDR und als Internationalisten auch in Zukunft ihren spezifischen Beitrag zur weiteren Herausbildung der entwickelten sozialistischen Gesellschaft in der Deutschen Demokratischen Republik zu leisten.

Sie bekennen sich zur festen Freundschaft mit der Sowjetunion und den anderen sozialistischen Bruderländern, der wichtigsten Grundlage für die weitere Stärkung der Kräfte des Sozialismus, des Friedens und der Entspannung.

Ausgehend von den Positionen des Marxismus-Leninismus setzen sie sich für die Ideale des Friedens und des Humanismus ein und wenden sich entschieden gegen imperialistische Kriege und gegen alle Versuche, den Prozeß der Entspannung aufzuhalten oder rückgängig zu machen.

*Die Esperantisten im Kulturbund der DDR solidarisieren sich*

- mit allen Bemühungen, die der Verwirklichung der Schlußakte der Konferenz für Sicherheit und Zusammenarbeit in Europa (Helsinki 1975) in ihrer Gesamtheit dienen und heben in diesem Zusammenhang die besondere Bedeutung des Friedensprogrammes der UdSSR und der gemeinsamen Erklärung der Kommunistischen und Arbeiterparteien Europas (Berlin, im Juni 1976) hervor;
- mit allen Initiativen und Maßnahmen, die der Beendigung des Wettrüstens dienen und zu einer weltweiten Abrüstung im Sinne der von der UdSSR vor den Vereinten Nationen gemachten Vorschläge führen;
- mit dem gerechten Kampf des chilenischen Volkes sowie mit allen antiimperialistischen und demokratischen Kräften der Erde, die gegen Ausbeutung, Diskriminierung und Reaktion, gegen Faschismus und Imperialismus kämpfen. Sie unterstützen auch in Zukunft das vietnamesische Volk bei der Überwindung der Folgen der imperialistischen Aggression und beim Aufbau einer sozialistischen Heimat;

**Pri la II-a Centra Konferenco**

# Ampleksa spertinterŝanĝo sur alta nivelo

Ĉiun duan jaron la esperantistoj organizitaj en Kulturligo de GDR organizas grandan renkontiĝon por bilanci sian agadon, interŝanĝi spertojn, elekti siajn novajn gvidantarojn kaj por alpreni novajn gravajn decidojn. 1970 (Karl-Marx-Stadt) kaj 1974 (Berlin) okazis la I-a kaj II-a „Centraj *Renkontiĝoj* de la Esperantistoj en Kulturligo de GDR". Ili ne servis al elektoj de CLE. Sed 1972 kaj 1976 la I-a (en Berlin) kaj la II-a Centraj *Konferencoj* estis kvazaŭ Landaj Kongresoj kun elektado de la plej altaj gvidinstancoj de la esperantistaro. La II-a Centra Konferenco de la Esperantistoj en Kulturligo de GDR okazis de 5.–7. novembro 1976 en Leipzig.



**Kelkaj eksterlandaj gastoj kun siaj gastigantoj, de maldekstre dekstren: Gerhard Böttcher (GDR), prof. M. Isaev (SU), d-ro M. Fiedler (GDR), J. Hamann (GDR), F. Mihajlova (Bulgario), d-ro A. Ratkaj (Hungario), V. Cvetkova (Bulgario), L. Schödl (GDR), d-ro J. Jermař (ĈSSR), V. Kvasnîčkova (ĈSSR), E. Farkas (Hungario), R. Graetz (GDR), M. Popov (Bulgario), M. Havranek (ĈSSR), M. Smička (ĈSSR).**

La celo de la konferenco estis bilanci la atingitan staton kaj nivelon en la esperantista agado en GDR kaj surbaze de la decidoj de la IX-a Partia Kongreso de Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio pridiskuti kaj decidi la novajn taskojn. Ĉar Kulturligo fine de 1977 havos sian IX-an Ligo-Kongreson, la II-a Centra Konferenco ankaŭ servis kiel preparo al tio. Tre grava tasko estis plue elekti la novan Centran

---

– mit allen Schritten, die zu einer Beendigung der Konflikte im Nahen Osten auf der Grundlage der Resolutionen der Vereinten Nationen führen und den Lebensinteressen der arabischen Völker entsprechen.

Die Delegierten der II. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR (5.–7. 11. 1976 in Leipzig) erklären ihre volle Bereitschaft, bei der Verwirklichung der Beschlüsse des IX. Parteitages der SED mitzuwirken.

Leipzig, den 7. 11. 1976.



La eksterlandaj gastoj respondas demandojn dum podia diskuto antaŭ neesperantistoj

Laborrondon Esperanto en Kulturligo de GDR (CLE), la plej altan gvidantaron de la esperantistaro en GDR.

La konferencon antaŭis konferencoj kaj elektoj sur subdistrikta kaj distrikta ebenoj. Tiuj konferencoj estis tre valora preparo por la II-a Centra Konferenco.

La konferenco, pri kiu atentigis jam semajno antaŭe grandaj informtabuloj en la stacidomo, havis siajn ejojn en la dignaj salonoj de *Ratskeller de Leipzig.* 180 delegitoj el ĉiuj distriktoj partoprenis la ampleksan spertinterŝanĝon. La kostojn por hotelo, vojaĝo, manĝoj k. t. p. transprenis Centra Laborrondo, tiel, ke la partopreno estis tute senpaga.

La oficialaj eksterlandaj gastoj venis el Bulgario *(K. Karucin, M. Popov, V. Cvetkova, F. Mihajlova),* ĈSSR (ĈSR: *d-ro J. Jermař, V. Kvasničkova;* SSR: *M. Havranek),* Hungario *(E. Farkas, d-ro A. Ratkai),* Pollando *(A. Grzebowski, B. Stasczak, por unu tago: J. Grum),* USSR *(prof. d-ro M. I. Isaev).*

La Konferenco havis riĉan programon, kiu ne nur traktis sur alta nivelo la diversajn kulturpolitikajn aspektojn de la agado de esperantistoj en GDR, sed ankaŭ dediĉis la necesan atenton al fakaj kaj eĉ sciencaj problemoj. Konsiderinda parto de la Konferenco estis esperantlingva.

Jam ĵaŭdon, la 4-an de novembro, en speciala vespero la eksterlandaj gastoj informis la neesperantistan kaj esperantistan publikon el Leipzig pri la diversaj aspektoj de la internacia lingvo Esperanto en teorio kaj praktiko.

Vendrede okazis spertinterŝanĝo inter la reprezentantoj de la Esperanto-organizaĵoj de la socialismaj landoj pri problemoj de la esperantista agado kaj kunlaboro. Krome CLE



Ofte respondis pri instruado de Esperanto en Hungario: Eva Farkas, tradukas J. Hamann (maldekstre)



Bongustas la konjako: prof. d-ro M. I. Isaev (USSR), K. Karucin (Bulgario), d-ro. M. Fiedler, (Kulturligo de GDR)

kaj aparte la *Junulara Komisiono* kunsidis por preni lastajn decidojn resp. pridiskuti sian agadon.

La *renkontiĝa vespero*, kvankam senprograme, tamen donis eblecojn por renkontiĝi kun la gastoj aŭ rerenkonti malnovajn aŭ novajn amikojn.

La *oficialan malfermon*, kiu okazis sabate, la 6an de novembro, partoprenis i. a. la ligo-sekretario de KL, d-ro *Manfred Fiedler*, kaj oficiala reprezentanto de la *Packonsilantaro de GDR, s-ro Leopold*. Junaj pioniroj de supera lernejo el Leipzig donacis florbukedojn al la eksterlandaj gastoj. En sia salutparolado d-ro Fiedler alte taksis la valoran kaj multflankan agadon de la esperantistoj, kiuj, ne nur donas daŭre pli altan kontribuon al la ĝeneralaj celoj de Kulturligo sed ankaŭ sukcesis atingi pro la konkreta kaj valora agado bonan rekonon por sia interesa kampo, kiun ili reprezentas. En la nomo de la prezidio de Kulturligo il dankis al ĉiuj esperantistoj por la farita laboro. S-ro *Leopold* legis leteron de la ĝenerala sekretario de la Packonsilantaro de GDR, *s-ro Rümpel*, en kiu li tre alte taksis la agadon de la esperantistaro de GDR, ankaŭ lige kun MEM, por la paclaboro.

En siaj salutparoladoj la eksterlandaj gastoj informis pri la agado de la esperantistoj en siaj landoj kaj esprimis sian afablan opinion pri la agado de la esperantistoj en GDR. Interesan materialon por la diskutado en laborgrupoj prezentis la diskutkontribuoj de la reprezentantoj el la diversaj distriktoj. Ili ne donis tedajn priagadajn raportojn sed tre lerte sciis fokusi kelkajn bazajn problemojn de la agado. *J. Dittrich* el Roßwein per impresaj ekzemploj montris la vivantecon de la tradicioj de sovetuniaj-germanaj rilatoj peresperantaj, menciante viglan interŝanĝon de infandesegnaĵoj kaj la peradon de kontaktoj pere de Esperanto por uzino en Roßwein kaj la tiea asocio por germana-soveta amikeco.

*Rita Krips* el Berlin atentigis pri kelkaj problemoj de la junulara agado substrekante, ke tia agado devas kaj esti afero de la junularo mem kaj samtempe integra elemento de la tuta gvidagado. Krome, kiel membro de la estraro de TEJO, Rita Krips informis pri kelkaj aktualaj laboroj de la junulara esperantista monda organizaĵo.

Kiel la esperantistoj scias tre efike agadi en la distrikta organizaĵo de Kulturligo, tiel helpante al KL kaj samtempe plivigligante la propan esperantistan agadon, montris tre elokvente *Hanna Scheffs* el Potsdam. La bonaj rezultoj de la lasta tempo en DLE Potsdam atingiĝis dank' al la saĝa utiligo de la vastaj agadkampoj de KL kaj same pro la kontribuo al la realigo de ĝiaj celoj.

*D-ro Till Dahlenburg* el distrikto Schwerin, informante pri kelkaj problemoj de la pedagogia-metodika agado, substrekis la neceson kunligi la kulturpolitikajn celojn de la socialisma socio kun la faka kaj lingvoinstrua aktivado en grupoj kaj kursoj.

Pri la aktualeco de bone pripensita MEM-agado kaj la valoro de la revuo de MEM „Paco" diskutkontribuis pastoro *J. Kelpin* el la distrikto Erfurt. La oratoro tre konvinke montris, ke „Paco" estas necesa materialo por ĉiuj grupoj.

Substrekante la konatajn bonajn internaciismajn tradiciojn de la Esperanto-agado en la nordo de la respubliko antaŭ la faŝistiĝo de Germanio, *Werner Plate* el Rostock resumis la spertojn akiritajn de la esperantistoj dum pli ol 10 lastaj jaroj de internacia agado ĉe la Balta Maro. Speciale bonaj la rilatoj estas al Pollando, USSR kaj la nordaj baltmaraj ŝtatoj.

En kvin laborgrupoj la konferencanoj, subtenate de siaj eksterlandaj gastoj, plejparte esperantlingve diskutis pri specifaj trajtoj de sia agado.

Laboris jenaj grupoj: 1. *Internacia agado,* 2. *Agado en la lokaj cirkonstancoj kaj disradiado de la esperantista laboro (varbado),* 3. *Problemoj de la gvidado,* 4. *Faka kaj metodika-pedagogia kvalifikado,* 5. *Sciencaj aspektoj de Esperanto (interlingvistiko/esperantologio).*

La diskutado en la plenkunsidoj kaj en la laborgrupoj ebligis al ĉ. 80–90 esperantistoj senpere partopreni la spertinterŝanĝon kaj laŭtigi sian opinion.

– La *kulturvespero* donis eblecojn al ĝuo de kantkoruso (germane kaj esperante, koruso el Leipzig) de profesia kantado (M. Smyĉka el Usti/ĈSSR kaj de recitado (Vasja Cvetkova, Sofio). La konferencanoj estis ravitaj pro la profesinivela prezento de la tre ampleksa esperantlingva programo de s-ro Smiĉka, profesia operkantisto el ĈSSR. Tre dezirinda estus la publikigo de diversaj liaj kantoj sur disko. Tia disko certe trovus multajn aĉetontojn.

La 7-an de novembro ni festis la 59an jubileon de la venko de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio. Ĝuste tiun tagon, jaron antaŭ la ronda 60-a jubileo, la konferenco havis sian duan plenkunsidon. Honore al la jubileo oni montris bone esperantigitan *sovetan filmon,* kiu estis produktita okaze de la 30-a jubileo de la venko super la faŝismo. Post la raportoj de la laborgrupestroj, akcepto de du rezolucioj (vidu germanlingve en ĉi tiu numero) kaj distingo de meritplenaj esperantistoj, oni en sekreta baloto elektis la novan Centran Laborrondon.

Ĝi nun konsistas el 42 plenrajtaj membroj (inter ili la 15 prezidantoj de la Distriktaj Laborrondoj Esperanto, kiuj jam fariĝis membroj de CLE pro siaj elektiĝoj kiel prezidantoj de DLE). La malnova CLE konsistis el 34 membroj. Pro sanstato, troaĝiĝo kaj profesiaj kaŭzoj ne rekandidatiĝis s-roj *d-ro Hans Eichhorn, Rainer Knapp, Richard Rabenalt, Willi Vildebrand* kaj *Willi Zimmermann.* Al ili pro la farita laboro CLE esprimas sian grandan dankon.

La nova CLE konsiderinde plijuniĝis, i. a. ankaŭ pro tio, ĉar estis elektitaj la estraranoj de la Junulara Komisiono de CLE. Ankaŭ per tiu paŝo oni konsekvence realigas sisteman plijunigon en la gvidaj ebenoj de la Esperanta movado de GDR. Necesas, ke tiu paŝo instigu al drasta plijunigo ankaŭ de niaj aliaj gvidantaroj sur distriktaj kaj subdistriktaj ebenoj. Se la meza aĝo de la malnova CLE estis 55 jaroj, la novelektita havas mezan aĝon de 46,6 jaroj.

En la nova CLE sidas universitata profesoro apud laboristo, dommastrino apud studento, tiel spegulanta la multfaceton de la valora honorofica esperantista agado (pri CLE vidu en „de" 2/77). Reelektiĝis kiel prezidanto de CLE *Rudi Graetz,* vicprezidantoj fariĝis *Ludwig Schödl* kaj *Rudolf Hahlbohm.* Sekretario de CLE reelektiĝis la estro de la sekcio Esperanto en la kulturliga ĉefsekretariejo, *d-ro Detlev Blanke.* Krom ili al la prezidio de CLE apartenas *Hans Heinel, Werner Pfennig* kaj *Siegfried Linke* (prezidantoj de DLE Karl-Marx-Stadt, Neubrandenburg kaj Halle) kaj la prezidantino de la Junulara Komisiono *Rita Krips.*

Finevortoj de la nova prezidanto oficiale fermis la II-an Centran Konferencon.

Tamen, treege valora estis la libervola faka daŭrigo de la programo posttagmeze. Eksterlandaj gastoj afable bonvolis prelegi antaŭ interesita aŭskultantaro.

La konata ĵurnalisto de Radio Varsovio, redaktoro *Jerzy Grum,* malgraŭ granda tempopremo, kaŭzita de ĵus finita pelegvojaĝo tra FRG, konsentis prelegi pri „Esperanto en Radio". La sekretario de la filozofia klaso de la Ĉeĥa Akademio de Sciencoj, *d-ro sc. fil. J. Jermař* prelegis pri *„Comenius kaj internacia lingvo".* Doktoriĝinto pri la historio de laborista Esperanto-movado, *A. Ratkai* el Szeged/Hungario, parolis pri problemoj de *interlingvistiko. A. Grzębowski,* kiu antaŭnelonge elektiĝis nova prezidanto de Pola Esperanto-Asocio kaj samtempe estas prezidanto de „Monda Turismo" (organizaĵo, utiligante Esperanton por turismo) informis pri *„Turismo kaj Esperanto".*

Tiuj altnivelaj prelegoj por multaj kronis la travivoriĉajn tagojn. La Konferenco pasis, kaj ĝi bone pasis dank' al sistema enhava kaj organiza preparo, diskutita dum diversaj kunsidoj de CLE kaj de ĝia prezidio. Specialan dankon ni direktu al la Loka Konferenca Komitato el Leipzig, kiu sub la gvido de *Gerhard Böttcher,* solvis tre efike aron da teknikaj problemoj antaŭ kaj dum la konferenco. Kaj al Jürgen Hamann, prezidanto de DLE Leipzig. Valoras mencii, ke la gazetara konferenco kaŭzis diversajn artikolojn en la gazetaro kaj radio-intervjuojn kun prof. Isaev el Moskvo kaj d-ro Blanke.

La Konferenco sendube povas esti forta stimulo sur ĉiuj Kampoj de la agado. Nun necesas fruktuzi la riĉaĵon de spertoj amasigitan en la priagada raporto, en la ĉefreferaĵo de la prezidanto de CLE kaj en la multaj valoraj diskutkontribuoj, ĉu en la plenkunsidoj ĉu en la laborgrupoj. Necesas pridiskuti ilin kun esperantistoj kiuj ne partoprenis la Konferencon, kaj necesas agi laŭ tio. —K—



*Solidareco*

*Tre originalajn ideojn por kolekti mondonacojn ĝirotajn al la solidareco-konto, prezentis la esperantistoj el Rostock kaj Potsdam. La Rostockanoj vendis najlojn diverskolorajn, per kiuj oni povis mem kunmarteli grandan verdan stelon. La tielmaniere kolektita sumo estis 160 markoj. Peter Schödl el Potsdam mem produktis ilustritajn poŝtkartojn kun esperantlingvaj surskriboj kaj, ilin vendante, kolektis sumon de 168 markoj.*

✶

# Entschließung

## der Delegierten der II. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR

I.

Die Delegierten der II. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR (5.–7. 11. 1976 in Leipzig) bringen ihre volle Übereinstimmung mit der auf dem IX. Parteitag der SED gezogenen guten Bilanz beim Aufbau der entwickelten sozialistischen Gesellschaft in der Deutschen Demokratischen Republik zum Ausdruck. Sie erklären, daß die Esperantisten im Kulturbund der DDR die auf dem IX. Parteitag der SED gefaßten Beschlüsse voll unterstützen und willens sind, mit ihren spezifischen Mitteln an deren Verwirklichung mitzuwirken.

Als Bürger der Deutschen Demokratischen Republik, die sich zusammen mit den anderen Staaten der sozialistischen Gemeinschaft unter Führung der UdSSR für die Durchsetzung der Politik der friedlichen Koexistenz einsetzt, und als Internationalisten unterstützen sie das auf dem XXV. Parteitag der KPdSU beschlossene neue Friedensprogramm und begrüßen besonders die Vorschläge der UdSSR für eine Weltabrüstungskonferenz. Sie setzen sich ein für Entspannung und Völkerfreundschaft. Sie üben antiimperialistische Solidarität.

## II.

In dem breiten Erfahrungsaustausch, der auf der Konferenz über die weitere kulturpolitische und fachliche Arbeit der Esperantisten in Auswertung des IX. Parteitages geführt wurde, werden die guten Ergebnisse in der Tätigkeit der Esperantisten der DDR nach dem VIII. Parteitag hervorgehoben und auf neue wichtige Aufgaben orientiert, die es insbesondere in Vorbereitung des IX. Bundeskongresses des Kulturbundes zu realisieren gilt.

Die Delegierten der Konferenz beschließen daher:

Die Esperantisten im Kulturbund der DDR sind in verstärktem Maße bemüht,

- sich die Weltanschauung der Arbeiterklasse, den Marxismus-Leninismus, in noch besserer Qualität anzueignen;
- Informationen und Kenntnisse über den Aufbau des Sozialismus in der Deutschen Demokratischen Republik dem Ausland zu vermitteln;
- sich die neuesten Erkenntnisse der Wissenschaft anzueignen und diese schöpferisch auf die spezifische Problematik des Esperanto anzuwenden;
- in Übereinstimmung mit den Zielen des Kulturbundes als einer sozialistischen Kulturorganisation die vielfältigen Aufgaben wie Literatur- und Kunstpropaganda, Fragen der sozialistischen Landeskultur usw. mit der spezifischen Tätigkeit der Esperantisten sinnvoll zu verbinden;
- den Reichtum der revolutionären Traditionen der internationalen und deutschen Arbeiter-Esperanto-Bewegung weiter zu erschließen und diesen für ihre Arbeit zu nutzen;
- für Entspannung, Abrüstung und antiimperialistische Solidarität, besonders im Rahmen der Weltfriedens-Esperanto-Bewegung (MEM), zu wirken.

Die Esperantisten der DDR leisten durch das Erlernen und die Anwendung der internationalen Sprache Esperanto einen Beitrag zur Befriedigung vielseitiger geistig-kultureller Bedürfnisse, die der weiteren Ausprägung sozialistischer Persönlichkeiten dienen.

## III.

Um die vielen Aufgaben erfüllen zu können, ist es erforderlich, in enger Zusammenarbeit mit allen Leitungen des Kulturbundes, das politisch-ideologische, sprachliche und fachliche Niveau eines jeden Esperantisten weiter zu erhöhen, die bestehenden Gruppen zu festigen und neue zu bilden, die Leitungsarbeit zielstrebig zu verbessern und in verstärktem Maße neue und vor allem junge Interessenten für die Mitarbeit in den Gruppen und Leitungen der Esperantisten zu gewinnen. Die Delegierten der Konferenz beauftragen den Zentralen Arbeitskreis, nach dem IX. Bundeskongreß des Kulturbundes (Ende 1977) und in dessen Auswertung die „Leitsätze für die Arbeit der Esperantisten im Kulturbund der DDR“ zu überarbeiten und für die Beschlußfassung vorzubereiten.

Leipzig, den 7. November 1976

## Subskribo de la nova Alvoko de Stockholm

La reprezentanto de la Packonsilantaro de GDR, s-ro Leopold, distribuis subskribfoliojn de la nova Alvoko de Stockholm pri ĉesigo de la vetarmado. Ĉiuj konferencanoj subskribis la Alvokon.

## Ni krome notu!

Dum la II-a Centra Konferenco kompreneble ankaŭ funkciis bonoferta librostando, kiu estis forte frekventita. Alia stando ofertis brokantaĵojn je tre moderaj prezoj, kaj nelaste ankaŭ filatelistoj trovis eblecojn akiri interesajn kolektindaĵojn. Pri materialmanko do ne povis temi.

Ĉiu kongresano trovis krome en sia luksa kongresdokumentujo diversajn germanlingvajn kaj Esperantajn presaĵojn, i. a. la priagadan raporton de CLE, la estonajn libretojn „Okupacio" kaj „Kalevipoeg", turisman prospekton pri Rostock kaj, plej valore, la freŝeldonitan germanlingvan 40-paĝan broŝuron „Pri la historio de la laborista Esperanto-movado en la distrikto Ercmontaro/Vogtlando (1907—1933)", verkita de d-ro W. Glier, W. Weißbach, A. Müller, M. Conrad.

Profesia fotisto jam dimanĉe ofertis bonege faritajn prikonferencajn fotojn al la surprizita konferencanaro.

La tuta konferenco estas profesinivele surbendigita.



## Im „Friedenskurier"

Die Publikation des Weltfriedensrates „Friedenskurier", Nr. 7/1976 veröffentlichte folgende Adresse der VII. Generalkonferenz der MEM:

*Esperantisten für den Frieden grüßen WFR*

*Die Weltbewegung der Esperantisten für den Frieden (MEM) übermittelte dem Weltfriedensrat von ihrer 7. Konfererenz im Juni 1976 brüderliche Grüße.*

*Die Teilnehmer der in Russe (Bulgarien stattfindenden 7. Generalkonferenz der Weltbewegung der Esperantisten für den Frieden übermitteln dem WFR Grüße im Namen der Bewegung und ihrer nationalen Organisationen.*

*Mit ihrer letzten Konferenz (1973, Belgrad) nahm unsere Bewegung Beratungen darüber auf, welche Aktivitäten die Esperantisten für den Frieden durchführen können. Besonders betont wurde der Beitrag der MEM für die Realisierung der Plattform des Weltkongresses der Friedenskräfte und der Abkommen zwischen dem WFR und der MEM. In diesem Geiste wird die MEM weiterhin alle bedeutenden Initiativen des WFR unterstützen, besonders die Massenkampagne zur Sammlung von Unterschriften unter den neuen Stockholmer Appell. Die MEM bringt ihre feste Überzeugung zum Ausdruck, daß die Zusammenarbeit zwischen MEM und WFR verstärkt fortgesetzt werden wird.*

## Nova stenografio por Esperanto

S-ro Otto Möller (DDR - 563 - Heilbad Heiligenstadt, Friedensplatz 3) ellaboris novan stenografion por Esperanto. Lia sistemo estas adapto de Deutsche Stenografie laŭ la dokumento de GDR de 1. 6. 1970. Interesiĝantoj bv. kontakti la aŭtoron laŭ supra adreso.

## Elektoj de novaj distriktaj gvidantaroj

Responde al la demokratia strukturo kaj funkciado de Kulturligo de GDR kaj ties unuopaj fakaj suborganizaĵoj ankaŭ la esperantistoj en la jaro 1976 elektis siajn gvidantarojn. Sur subdistrikta kaj distrikta ebenoj dum la unua duonjaro estis elektitaj la novaj Subdistriktaj Laborrondoj Esperanto kaj Distriktaj Laborrondoj Esperanto. En konvenaj konferencoj oni bilancis la faritan laboron, decidis pri laŭloke adaptitaj laborprogramoj por 1977 kaj elektis la novajn gvidantarojn kaj delegitojn por la distriktaj konferencoj resp. por la II-a Centra Konferenco. Ĉiuj membroj de la Prezidio de CLE partoprenis la diversajn distriktajn konferencojn kaj povis konstati altiĝintan nivelon de la agado. En kvin distriktoj estis elektitaj novaj prezidantoj de la Distriktaj Laborrondoj. Temas: pri Gera: *Karl Raabe*, Suhl: *Winfried Röhrig*, Karl-Marx-Stadt: *Hans Heinel* kaj Erfurt: *Günther Rosenbaum*.

Al la fervoraj aktivuloj, kiuj dum la pasintaj laborperiodoj abnegacie sin dediĉis al la esperantista agado, kaj ne estis reelektitaj en la DLE-ojn (plejparte pro aĝo, sanstato aŭ profesiaj trookupoj) ni ĉi-loke tre kore dankas. Temas i. a. speciale pri la prezidintoj de DLE *Heinz Stengel* (Gera), *Erich Würker* (Karl-Marx-Stadt), *Robert Veigel* (Suhl) kaj *Werner Habicht* (Erfurt). Eklaboris kiel novaj prezidantoj *Peter Liebig* (Cottbus) kaj *Manfred Trenne* (Magdeburg). Antaŭ la oficialaj elektoj transprenis la oficon de prezidanto *Hanna Scheffs* (Potsdam) kaj *Siegfried Linke* (Halle).

Al ĉiuj novaj prezidantoj de DLE, kiuj per sia prezidantiĝo ankaŭ fariĝis plenrajtaj membroj de Centra Laborrondo Esperanto, ni gratulas pro la novelektiĝo resp. reelektiĝo kaj deziras por la nova laborperiodo multajn sukcesojn, personan ĝojon kaj sanon.

*Prezidio de CLE*

*

### Ekde nun: profesoro!

Nia amiko, la konata sciencisto kaj interlingvisto, doktoro de filologiaj sciencoj, Magomet I. Isaev el Moskvo, en novembro 1976 estas nomumita profesoro ĉe la Akademio de Sciencoj de USSR. Prof. Isaev estas specialisto por la fakoj iranistiko, sociolingvistiko kaj interlingvistiko, kaj kiel tia rekonita en Sovetunio kaj en internacia skalo. Ni deziras al nia amiko kaj kamarado en la nova rango pluajn gravajn sciencajn sukcesojn kaj personan bonfarton.

*

### Honorinsigno de MEM

Por meritoj en la pacbatalo estis distingitaj dum la Konferenco en la nomo de la sekretariato de MEM per la Honorinsigno de MEM d-ro Karl Schulze (tradukisto de i. a. „Nuda inter lupoj“ kaj „Trigroŝa Romano“), Hella Sauerbrey (vaste popularigis la esperantlingvan vjetnaman literaturon) kaj Ludwig Schödl (veterano de la pacmovado kaj konata internaciisto).

Entute 6 esperantistoj de GDR portas tiun malofte disdonatan Honorinsignon.

**Prepare al la 60-a jubileo de la Oktobra Revolucio en Moskvo:**

# Renkonto ĉe amikoj

Jam fariĝis tre kutima kaj utila tradicio, ke la plej altaj reprezentantoj de la Esperanto-organizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj unufoje dum jaro kunvenu por interŝanĝi spertojn kaj por priparoli komuninteresajn demandojn cele al pli bona kunlaboro de la landaj movadoj. Tio respondas al la historia neceso de plua alproksimiĝo de niaj ŝtatoj kaj al la principo de regiona kunlaborado. Pri tiu lasta oni ankaŭ i. a. diskutis dum la 61-a Universala Kongreso de Esperanto en Ateno.

Vere, 1976 estis speciale fekunda jaro. La VIII-a Konsultiĝo okazis en aprilo 1976 en Krakovo/Pollando (kp. „de" 3/76), kaj kun speciala ĝojo la socialismaj landoj samjare akceptis la inviton partopreni la IX-an Konsultiĝon en Moskvo, en la urbo, kie agadis Lenin, kie oni sin nuntempe preparas por digna omaĝo al la 60-a jubileo de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio.

Pro tio la Konsultiĝo estis iasence jubilea, ĉar jubileo-prepara kaj krome, unuan fojon en la historio de la sistema pliprofundiĝo de la kunlaboro de niaj socialismolandaj movadoj, tia Konsultiĝo okazis en Soveta Unio, en tiu ŝtato, kiu rezultiĝis el la Venko de la Ruĝa Oktobro kaj kiu surbaze de la leninismaj pacprincipoj donas fortajn impulsojn al la malstreĉiĝo, por la sekurigo de la paco. Pri tio denove atestis lastatempe la gravaj proponoj de la sovetunia registaro antaŭ UN pri malarmada tutmonda konferenco. Tute nature do, ke la IX-a Konsultiĝo precipe okupiĝis pri la aktuala internacia situacio, la rolo de la progresemaj fortoj en la porpaca batalo kaj kunlige al tio, pri la signifo de la Oktobra Revolucio, la aktuala signifo de ĝiaj instruoj.

Ĉio-ĉi koncernas rekte nin, la esperantistojn, kiuj ja staras en la unua vico de la porpaca batalo.

Estis impona la aktivecaro, destinita al la omaĝo de la oktobra-revolucia jubileo, pri kiu sin reciproke informis la gvidantoj de la movadoj.

Sed ja ne temas nurnure pri formala omaĝado. La ideoj de la Oktobra Revolucio en la movadoj de niaj landoj vivas, la tradicioj de la revolucia laborista Esperanto-movado al ni estas proksimaj. Pri tio ni, cetere, ofte raportis en nia revueto kaj aliloke.

La gastiganto de la Konsultiĝo estis la prestiĝa en USSR „Unuiĝo de Sovetaj Societoj de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Aliaj Landoj (SSOD)", en kies kadro laboras la „Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetaj Esperantistoj" sub la prezidanteco de la konata sciencisto kaj interlingvisto profesoro *d-ro M. I. Isaev.* Niaj sovetaj amikoj vere ĉion eblan faris, por ebligi al la Konsultiĝo bonegajn laborkondiĉojn kaj peris al la reprezentantoj neforgeseblajn impresojn. Eĉ la intensaj multflankaj kaj duflankaj traktadoj ofte malhelpis akcepti ĉiujn ofertitajn eblecojn por ĝui la kulturan vivon de Moskvo. Se oni nur havus du kapojn kaj ok brakojn . . .

La vizito de la kabineto de V. I. Lenin en Kremlo, de la Lenin-Maŭzoleo, la teatra vespero, traurba ekskurso aŭ Ostankino, cirko, muzeoj, kulturvespero, kiom da impresoj!

Se ni parolis pri jubilea Konsultiĝo, tiam ankaŭ pro alia kaŭzo. Tagon post la fino de la Konsultiĝo, la Generala Sekretario de KPSU, Leonid I. Breĵnev, festis sian personan jubileon, la 70-an naskiĝtagon. Kompreneble la Konsultiĝo sendis al la tutmonde ŝatata kaj rekonata plej alta reprezentanto de Soveta Unio gratulleteron.

Estis tre interese por la eksterlandaj gastoj iom konatiĝi pri la agado de SSOD. En tiu grandega tegmenta organizaĵo, kiu ankaŭ laboras en la respektivaj respublikoj, agadas pli ol 70 amikec-societoj kaj diversaj komisionoj.

La gravecon, kiun SSOD atribuas al la esperantista agado, substrekis i. a. la fakto, ke malfermis la Konsultiĝon la estro de la kultura fako de SSOD, *k-do R. R. Saakov,* kiu substrekis la signifon de la pli kaj pli intima kunlaboro de la esperantaj organizaĵoj. Krome estis agrabla okazo, intervidiĝi kun la vicprezidanto de SSOD, *k-do M. M. Pesljak,* kiu en salutvortoj substrekis la pretecon de sia organizaĵo ĉion fari por pluevoluigadi kaj plie konkretigi la amikajn kaj fratajn rilatojn inter la sovetuniaj esperantistoj (inter ili multaj junaj kaj energiaj) kaj tiuj de la socialismaj landoj. Ĉi-rilate estis tre interesa la informo, ke 1977 aperos lernolibro pri Esperanto ruslingva en eldonkvanto de 50 000 ekzempleroj. Plue k-do Pesljak substrekis la gravan sciencan agadon, kiun faras la Problemgrupo pri internacia lingvo ĉe la Scienca Akademio de USSR.

Vere, la Esperanto-movado en USSR estas tre vigla, tion oni i. a. konstatis dum kaj post belega arta vespero en la Domo de Amikeco (Kalinina-strato), kie ĉeestis multaj junaj kaj tre perspektivaj simpatiaj esperantistoj el Moskvo. En la lasta tempo estis sinkronizitaj kelkaj filmoj en Esperanto. Aperis „Por la Paco" n-ro 12 kun bonega enhavo (sed neadekvata vesto). Estas en preparo numero de „Paco".

Al la kamaradoj Pesljak kaj Saakov do nian tre koran dankon pro la ebligo de la grava Konsultiĝo. Sed ni ne forgesu la abnegacian kaj sindonan organizan laboron kaj la personajn afablajn helpojn, kiujn donis *prof. M. I. Isaev, N. Danovskij, V. Samodaj kaj A. Berjoza.* Ili ĉiuj estis perfektaj gastigantoj. Kaj ni esperas baldaŭ revidi ilin kaj vin ĉiujn, amikoj.

*D. Blanke*

★

**Forpasis prof. Armand**

La 28. 9. 1976 forpasis en Moskvo la konata veterano de la sovetunia Esperanto-movado, d-ro de geografio, prof. D. L. Armand (1905—1976). La esperantistaro de GDR esprimas al la familianoj sian profundan kondolencon. En „de" 2/77 sekvos omaĝo al la forpasinto. CLE

## Komuniko

pri la IXa Konsultiĝo de Esperanto-organizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj.

Ekde la 14a ĝis la 16a de decembro 1976 en Moskvo okazis la IXa Konsultiĝo de Esperanto-organizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj: Bulgario, ĈSSR, GDR, Hungario, Pollando, USSR.

La Konsultiĝo aŭskultis kaj pridiskutis raportojn pri:

1. *Internacia situacio kaj rolo de progresema Esperanto-movado en porpaca batalo, internacia kunlaboro kaj efektivigo de interkonsentoj de la Fina Akto de Helsinki-Konferenco (1975)*
2. *Sesdekjara jubileo de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio*
3. *La Tutmonda Asembleo de Packonstruantoj en Varsovio (1977)*
4. *Aktualaj problemoj de esperantologio*
5. *Problemoj de kunlaboro de socialismaj landoj*

La Konsultiĝo varme subtenas la decidemon de la socialismaj landoj daŭre efektivigi la komunan agadon direkte al plifirmigo de paco kaj sekureco en Eŭropo kaj en la tuta mondo, al profundigo de malstreĉiĝo, al firmigo de la principoj pri la paca kunekzistado inter ŝtatoj kun diversaj sociordoj.

La partoprenintoj substrekis la signifon de la 60-jara jubileo de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio, informis unu la alian pri entreprenataj iniciatoj dediĉitaj al tiu granda datreveno, kaj en tiu senco pligrandigos la multflankan kunlaboron.

En la kadro de la Konsultiĝo okazis renkontiĝo kun la Moskvaj esperantistoj en la Domo de Amikeco.

Moskvo, 16. 12. 1976

★

### Aktiva junulara agado en Riga

Riga Esperantista Junulara Klubo (REJK) tre aktivis en 1976. Oni organizis la tradician renkontiĝon „Neĝfloketo 76“ kaj partoprenis multajn sovetuniajn aranĝojn.

Turismaj marŝoj gvidis la REJK-anojn eĉ al la Kola duoninsulo, malantaŭ la polusa linio, kie ili trovis ankoraŭ ne listigitan lagon, ĝi fariĝis „REJK“-ejar. [REJK-Lago]

La tradician poezian konkurson „Parnaso“ 1976 partoprenis multaj fremdlandanoj. Bone funkciis la Unua Esperanto-Universitato de Riga, historiajs movadaj prelegoj alternis en bonkvalita kalejdoskopo.

Oni verkis kantojn kaj poemojn. Legomaterialo estas redaktata. 1977 la Riga-anoj organizos „Neĝfloketo 77“-n.

*REJK deziras vaste korespondi kun ĉiuj landoj kaj organizos en aprilo letervesperon pri GDR. Sendu leterojn, kartojn kaj informu pri la movado en GDR. Viajn respondojn atendas por REJK: Dace Orgéna, 226 050 Riga 50, Box 45, Latvio USSR.*

# Otto Bäßler - 80jara



Apenaŭ kredeble. Nia vitala kaj laŭ koro juna Otto Bäßler retrorigardas al ok jardekoj de sia vivo.

Valoras iom okupiĝi pri tiu vivo, vivo de batalanta komunisto, modesta kaj aminda homo. Mi scias, tiajn kvalifikojn li ne ŝatas. Li malvolonte parolas pri si mem kaj ne ŝatas, se tion faras aliaj... Sed ni tamen faru!

Otto Bäßler naskiĝis 17. 1. 1897 kiel unuenaskita de entute 7 gefratoj. La laborista familio estis malriĉa. Ankoraŭ ne irante al la lernejo la juna Otto jam devis Labori 14jara li fariĝis kompostisto kaj baldaŭ trovis la vojon al la revolucia germana laborista junularo. 1919 membriĝo al la ĵus fondita Komunista Partio de Germanio. Laboro por la komunista gazetaro, revolucia aktivado. Tiam Otto Bäßler konatiĝis kun sia edzino Frieda, ĝis hodiaŭ lią fidela kunbatalantino. 1924 necesis fondi la defendo-organizon de la germana proletaro Ruĝa Frontbatalanta Ligo (RFL). Otto membriĝis kaj fariĝis la gvidanto de la 11-a kompanio de RFL por Okcidenta Saksio. Dum tiu tempo la juna proleto konatiĝis kun Esperanto. La lingvo ne plu lasos lin. Nur kelkaj jaroj de intensa agado, la slogano Esperanto en la servo de la proletaro, kaj Otto Bäßler apartenas al la rimarkindaj figuroj de la germana kaj internacia laborista Esperanto-movado. En GLEA kaj SAT (gvidanto de la gazetara servo), pli poste en IPE, Bäßler utiligas Esperanton kiel rimedon por la konkretaj celoj de la revolucia batalanta proletaro. Kiam oni en 1924 malpermesis la organon de KPG en Saksio „Sächsische Arbeiterzeitung", Otto Bäßler kun Walter Kampfrad publikigis germanlingvan ekvivalenton, nutritan ekskluzive per informoj akiritaj pere de Esperanto, „Völkerspiegel" (Popola spegulo, kp. „de" 5/6 1966). Tre intimaj estis liaj rilatoj al sovetuniaj civitanoj. Kelkfoje Otto Bäßler, kiel reprezentanto de RFL aŭ kiel laborista esperantisto vizitis la junan Sovetunion (1926, 1927, 1930), kaj el lia lerta plumo la laboristoj de Germanio ekciis la veron pri Sovetunio. Multaj ligoj ekzistas ĝis hodiaŭ, ekz. al I. Krolik kaj S. Ismailow el Smolensk. La nigra faŝismo mallumigis Germanion. Otto Bäßler daŭrigis aktivadi, ilegale. Kelkfoje la Gestapo lin arestis. En la koncentrejo Hohenstein kaj la malliberejo Oberstein li devis vegeti kelkajn jarojn kaj grave malsaniĝis. Sed 1945 sovetaj trupoj forblovis la

brunan peston. Otto Bäßler apartenas al la pioniroj de la unua horo. En multaj respondecaj partiaj kaj amasorganizaĵaj funkcioj li disponigas siajn fortojn al nova Germanio, por demokratia socialisma ŝtato. Otto Bäßler por tio ricevis altajn ŝtatajn ordenojn kaj distingojn.

Esperanto apartenas al la vivo de nia Otto. Kiam 1965 fondiĝis CLE, li fariĝis ĝia membro kaj kunrekonstruis la Esperanto-movadon en GDR, kompreneble movadon sin bazantan sur la tradicioj de ĝuste tiu laborista Esperanto-movado, kies historion kunskribis Otto Bäßler.

Estas malfacile renkonti lin en Leipzig. Ofte kaj tre volonte Otto sin ĉirkaŭigas kun infanoj, pioniroj. Ili volonte aŭskultas pri la vivo de tiu homo, kiu ĉiam unue pensis pri la aliaj kaj apenaŭ pri si. El nia tuta koro la plej bonajn gratulojn kaj dezirojn okaze de la ora jubileo de nia kamarado kaj amiko Otto Bäßler D. Blanke

---

## Internacia Pionir-Tendaro en Zanka

Dek pioniroj el GDR sub la gvido de s-ino Hilde Reschke el Zittau partoprenis de la 24. 6.— 9. 7. 1976 la Internacian Pionir-Tendaron en Zanka/ Hungario. Ili venis el Rostock, Hoyerswerda, Dresden, Plauen kaj Riesa kaj travivis neforgeseblajn tagojn en internacia medio.

S-inoj Hilde Reschke, la gvidantino de la grupo kaj Margot Seeger abnegacie ĉion preparis, bonege subtenitaj de partiaj organoj en Zittau kaj la tiea pasporta disdonejo.

Zanka estas granda internacia „urbo de pioniroj", iel komparebla kun Artek en Sovetunio. La Tendaro funkcias multlingve. Unu sekcio estas Esperanta. Ĝin gvidas d-ino Helena Hegedeŝ. Delegitaro de la Gvidantaro de la Pionirorganizaĵo de GDR estis forte impresita pro la aktivado de la Esperanton parolantaj pioniroj, „Tion, kion ni jam longe alstrebas, ni vidas praktikata ĉi-tie", ili diris. La infanoj revenis plenaj de belaj impresoj.

Ankaŭ 1977 denove okazos simila aranĝo. Organizu pioniran grupon kaj skribu al: Elisabeta Pallós, Petöfi ut. 43, Pécs/Hungario.

## Tagoj de amikeco en Opole

Jam delonge nin ligas amikecaj rilatoj kun la esperantistoj de nia ĝemela distrikto Opole en Pollando. 19. 6. 1976 ni povis subskribi kontrakton pri amikeco kaj kunlaboro.

Jam estas 10-jara tradicio dufoje jare okazigi la „tagojn de la amikeco Potsdam-Opole", maje en Potsdam kaj oktobre en Opole. Ekde 1975 Esperanto estas enkadrigita en la programon. Tiel ekzemple de 20.— 23. oktobro 1976 ĉe ni gastis polaj geamikoj. Dum la spertinterŝanĝo estis priparolitaj problemoj de estontaj renkontiĝoj, evoluigo de la korespondo, interŝanĝo de literaturo kaj ĵurnaloj. Certe nia kunlaboro bone disfloros en la estonteco.

Hanna Scheffs, prezidantino de DLE Potsdam

# Internacia Esperanto Kampado Krossinsee 1976




Partoprenantoj de la Kampado
(maldekstre: E. Schonert — la organizinto)

Tiu renkontiĝo — la unua tiaspeca en GDR — okazis de la 5.—18. 9. 1976 en bona harmonio, amikeco kaj gaja medio. Entute partoprenis 50 amikoj el kvin landoj (Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Pollando, Sovetunio, GDR). Per asisto de multaj esperantistoj el Berlin kaj Potsdam ni realigis la unuopajn programerojn kaj prezentis al niaj gastoj la ĉefurbon de GDR, Berlin, kaj la urbon de kasteloj kaj palacoj, Potsdam. Niaj eksterlandaj amikoj konatiĝis kun nia vivo kaj vivmaniero. Por tio zorgis riĉa programo kun lumbild-kaj filmprezentadoj pri Berlin kaj Potsdam, same kiel la filmoj „Pulsobato Berlin", „Hieraŭ ni ankoraŭ estis infanoj" kaj „Nia lando". La vizitoj de multaj muzeoj alternis kun plenumitaj deziroj pri individuaj ekskursoj aŭ rigardadoj de vidindaĵoj. Kulmino de la kampado estis „Bulgara vespero" okaze de la 9a septembro, la bulgara memortago pri la liberigo de faŝismo kaj la adiaŭa vespero kun interesa kvizo kaj premioj. Ankaŭ la ŝipekskurson per luksa ŝipo „Wilhelm Pieck" — la plej nova kaj moderna bela motorŝipo de la „Blanka Floto" en Berlin - la partoprenintoj certe ne forgesos.

Okaze de la tago de memoro pri la viktimoj de faŝismo kaj militarismo vizito al la memorejo por la sovetaj soldatoj en Treptow interesis niajn gastojn kaj helpis firmigi la konscion, ĉiam batali por la paco.

En nia gastolibro ni trovis la vortojn: „Ni revenos". Tio certe signifas, ke la restado en Krossinsee plaĉis. Tio nin ĝojigas, same kiel la kritiko, ke ĉeestis tro malmulte da parolkapablaj esperantistoj. Tamen ni povis konstati, ke je la fino de la kampado kelkaj esperantistinoj kuraĝis paroli pli multe la internacian lingvon ol je la komenco.

Kun danko ni ricevis salutleteron de la estraranino pri kongresoj kaj konferencoj de UEA, sinjorino d-ino Flora Szabo-Felsö kun bondeziroj por la partoprenantoj de la kampado.

Ernst Schonert, gvidinto de la aranĝo

*Centra Laborrondo kore dankas al ĉiuj kunorganizintoj kaj helpintoj de la aranĝo, speciale al s-ro Schonert.*



La partoprenintoj de la Kampado antaŭ la memorejo pri la pereintaj sovetaj soldatoj en Berlin-Treptow.

**Tri tagoj inter fervojistaj esperantistoj**

Laŭ invito de mia ĉeĥa amiko mi partoprenis la jarkunvenon de la Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, kiu okazis la 3-an ĝis 5-a de septembro 1976 en Přerov (Moravio - ČSSR). Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 60 personoj, inter ili gastoj el Aŭstrio, FRG Hungario, Svislando kaj mi el GDR. En la diskutoj oni i. a. bilancis la atingojn de la pasinta laborjaro. Kiel bonaj rezultoj elstaras la rilatoj kun la hungaraj fervojistoj-esperantistoj kun interŝanĝo de delegacioj. I. a. la kunsidintoj plue parolis pri la propono, starigi rilatojn kun la Esperanto-organizaĵoj el GDR kaj el Hungario por eventuale aranĝi komunan vagonaron al la UK 1978 en Varna/Bulgario. Interesa prelego pritraktis la planitan solvon de la Praha fervoja nodo.

La fakprelego montris, ke grandaj celoj staras antaŭ la fervojistoj de Praha kaj la ĉeĥa ŝtato. Amika vespero en la klubejo fermis la konferenctagon.

Miaj impresoj akiritaj dum tiuj tagoj estas profundaj kaj tre agrablaj. Novaj kontaktoj ekestiĝis. Mi volas ĉi-tie tre kore danki al ĉiuj, kiuj gastigis min kaj deziras pluajn bonajn sukcesojn.

Horst Theurich

★

**CLR aŭ CLE?**

Ni kutime uzis la mallongigon CLR por Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR. Pro kaŭzoj de kutimo en eksterlandaj rondoj kaj por ne plikonfuzigi niajn amikojn tutmonde, ni estonte uzos la mallongigon CLE.

# Internaciaj Esperanto-aranĝoj 1977

**ĈSSR**

- VII-a Kongreso de Asocio de Esperantistoj de Slovaka Socialisma Respubliko.

  6.–9. majo 1977 en Bratislava.

  Kultura programo, laborkunsidoj, ekzamenoj en Esperanto, multaj renkontiĝoj.

  Loĝado en hotelo kaj turismaj loĝejoj. (Kabanoj 120 Kčs, internulejo 150 Kčs, hotelo 330 Kčs.)

  Kongresa kotizo 50 Kčs, manĝado 3 tagoj, 3 foje 160 Kčs.

  Aliĝlimo ĝis 1-a de marto 1977: Komitato de la VII-a Kongreso de AESSR, poŝtfako 1/D, 89901 Bratislava.

- Esperanto-lernejo Bratislava (ELBO) 1.–29. majo 1977

  *Unusemajnaj kursoj:* De dimanĉo ĝis dimanĉo.

  EM 110 de la 1a ĝis la 8a de majo kun la ebleco elekti de la 30a de aprilo

  EM 120 de la 8a ĝis la 15a de majo

  EM 130 de la 15a ĝis la 22a de majo

  EM 140 de la 22a ĝis la 29a de majo

  *Dusemajnaj kursoj:*

  EM 210 de la 1a ĝis la 15a de majo/oni povas elekti la 30an de aprilo

  EM 220 de la 15a ĝis la 29a de majo

  *Loĝado:* Turisma. Kvarlitaj kabanetoj. Elektra hejtado. Komunaj lavejoj kaj duŝiloj. Varma akvo. Oni povas aparte mendi hotelon.

  *Manĝado:* 3 foje po tage en la manĝejoj laŭ aparta plano. Ĝi komenciĝas dimanĉe vespere kaj finiĝas dimanĉe tagmeze.

  *Instruado:* La lernejo organizas kursojn: A por komencantoj, B – konversacia, C por progresintoj, ED-Esperanto por la infanoj de la 4-a ĝis la 7-a jaro./kun gepatroj/, R – refreŝiga. Oni instruas Esperanton po 4 instruhoroj tage/8–11 aŭ 14–17/.

  *Turismo:* Vizitado de kultur-memoraĵoj, muzeoj; ĉiuvespere kultura-muzaj programoj laŭ aparta plano.

  *Ekskursoj* en la faman banlokon Pieštany kaj tra la Okcidentslovakia regiono laŭ aparta plano. Vojaĝkostojn por ekskursoj krom la urba trafiko oni pagos aparte laŭ interkonsento.

  *Kotizo:* / por eksterlandanoj / Por la unusemajna kurso Kčs 750,– Por la dusemajna Kčs 1400,–. Infanoj kun duona manĝaĵo / kun gepatroj / pagos por 1 semajno Kčs 500,–, por 2 semajnoj Kčs 900,–.

  *Aliĝilojn:* sendu nepre, plej malfrue ĝis fino de februaro 1977 al la adreso: La Vojo: Esperanto-Rondo, CS 801 00 Bratislava, Plzenska str. 7. Samtempe sendu la kotizon, aŭ se vi ne povas antaŭe la kotizon sendi, petu la delegiton de UEA aŭ la komitaton de via Esperanto-rondo, ke ili atestu la aliĝilon. Tiam vi povas pagi post via alveno al Bratislava.

**Hungario:**

— Zamenhofa Internacia Pacmarŝo en montaro Börzsöny, 6.—8. majo 1977.

El la programo: Alveno la 6an, akcepto en vilaĝo Zebegény.

Pluaj programeroj: interkona vespero, ekskurso al la ĉirkaŭaĵo, vizitado de ruinoj de urbeto Visegrád, pacmarŝo al elvidejo „Zamenhof", solena kulturprogramo.

Partoprenkotizo: 320 Ft-oj, kiu inkluzivas la programojn, koston de dutaga tranoktado, manĝadon.

— 6-a Varia Internacia Semajno, 16.—21. aŭgusto 1977.

El la programo: Akcepto, interkona vespero, vizito de la ĉefurbo, ekskurso al urbo Szeged, vizitado de la Szegedaj Subĉielaj Teatraj ludoj, rigardo de la parado sur Danubo en Budapest, piroteknika lumludo en Budapest.

*Partoprenkotizo:* 1000 Ft-oj/sen tranoktado./ Tiu ĉi kotizo inkluzivas la programerojn, veturadojn provincen kaj manĝaĵojn.

Aparte pagenda loĝkosto estas 500 Ft-oj en dulitaj ĉambroj, 400 Ft-oj en trilitaj ĉambroj.

Oni povas aliĝi ĉe: Budapeŝta Teritoria Komitato, H - 1443 Budapest, Pf. 153, Ĉekkonto: 511-212598, MNB 218-98079.

**Pollando:**

| | | |
|---|---|---|
| 7-EPS — 1. | 7.— 8. 7. 77 | — Swiecie — Internacia E-Feriado por Mezlernejanoj — 1000 zł |
| 8-EPJ — 8. | 7.—15. 7. 77 | — Janikowo — Int. E-Feriada por Mezlernejanoj — 1000 zł |
| 9-EPJ — 15. | 7.—22. 7. 77 | — Janikowo — Int. E-Feriado por Popollernejanoj — 1000 zł |
| 10-EPT — 22. | 7.—29. 7. 77 | — Tuczno — Int. E-Feriado por Popollernejanoj — 1000 zł |
| 11-EPF — 6. | 6.—19. 6. 77 | — Funka — Int. E-Feriado — 2100 zł |
| 12-EPF — 19. | 6.— 2. 7. 77 | — Funka — Int. E-Feriado — 2100 zł |
| 13-EPF — 10. | 8.—26. 8. 77 | — Funka — Int. E-Feriado — 2100 zł |
| 14-EPF — 26. | 8.—10. 9. 77 | — Funka — Int. E-Feriado — 2100 zł |
| 15-EPT — 19. | 6.— 2. 7. 77 | — Tlen — Int. E-Feriado — 2100 zł |
| 16-EPT — 10 | 8.—26. 8. 77 | — Tlen — Int. E-Feriado — 2100 zł |
| 17-EPC — 29. | 7.— 5. 8. 77 | — Warszawa — Chelmica — Warszawa — Internacia — E-Feriado — 1200 zł |
| 18-EPC — 5. | 8.—12. 8. 77 | — Warszawa — Chelmica — Warszawa — Int. E-Feriado — 1200 zł |
| 19-EPC — 12. | 8.—19. 8. 77 | — Warszawa — Chelmica — Warszawa — Int. E-Feriado — 1200 zł |
| 20-EPC — 19. | 8.—26. 8. 77 | — Warszawa — Chelmica — Warszawa — Int. E-Feriado — 1200 zł |
| 1718-EPC—29. | 7.—12. 8. 77 | — Int. E-Kurso por Instruistoj — 2000 zł |
| 1920-EPC—12. | 8.—26. 8. 77 | — Int. E-Kurso por Instruistoj — 2000 zł |
| 21-EPW — 24. | 5.— 7. 6. 77 | — Torun — Władysławowo/Balta Maro/- Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł |
| 22-EPW — 7. | 6.—21. 6. 77 | — Torun — Władysławowo/Balta Maro/- Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł |

23-EPW — 21. 6.— 5. 7. 77 — Torun — Władysławowo — Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł
24-EPW — 5. 7.—19. 7. 77 — Torun — Władysławowo — Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł
25-EPW — 19. 7.— 2. 8. 77 — Torun — Władysławowo — Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł
26-EPW — 2. 8.—16. 8. 77 — Torun — Władysławowo — Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł
27-EPW — 16. 8.—30. 8. 77 — Torun — Władysławowo — Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł
28-EPW — 30. 8.—13. 9. 77 — Torun — Władysławowo — Torun — Int. E-Feriado — 2250 zł
29-EPM — 22. 5.—29. 5. 77 — Mielno ĉ. Koszalin — Ĉebalta Esperantista Printempo — 1100 zł
30-EPL — 27. 5.—29. 5. 77 — Lacow Lubuski — IV-a Renkontiĝo de Esperantistoj de Gorzów kaj VII-a Esperanto-Printempo en Grandpolujo — 500 zł
31-EPG — 29. 5.— 1. 6. 77 — Gdansk — 77 — Internacia E-Renkonto — 600 zł
32-ETP — 1. 6.— 3. 6 77 — Torun - 77 — Internacia E-Renkonto pri Folkloro — 450 zł
33-EPB — 3. 6.— 5. 6. 77 — Bydgoszcz - 77 — Internacia E-Renkonto pri Folkloro — 450 zł
34-EPM — 3. 9.—16. 9. 77 — Miedzygorze — XIII-a Internacia E-Feriado— 2400 zł
35-EPP — 23. 9.—25. 9. 77 — Ponidzie — Pińczów — Busko — Wiélica — III-a Esperanto-Piedmarŝado en Swietokrzyskie Montaro — 300 zł
36-EPB — 26. 11.— 4. 12. 77 — Bydgoszcz - Zakopane — III-a Internacia Foiro de Esperanto Turismo — 2400 zł
37-EPB — 26. 11.—27. 11. 77 — Bydgoszcz — V-a Internacia Trarigardo de Lumbildoj „Esperanto-Somero-77" — 150 zł
38-EPZ — 2. 12.— 4. 12. 77 — Zakopane — Internacia E-Renkonto „Zakopane-77" — 450 zł

*Rimarkoj:* Al ĉiuj-ĉi supraj E-aranĝoj eblas aliĝi pere de „JUVENTUR" str. Jagiellonska 12, PL - 85 - 067 Bydgoszcz, Pollando. En kelkaj aranĝoj la datoj kaj la prezoj estas ankoraŭ provizoraj. Validos datoj kaj prezoj fiksitaj en interkonsentoj pri sendevizaj interŝanĝoj de Esperanto-grupoj. Unu persontago egalvaloras proksimume al 150 zł. La enlandaj prezoj por polaj E-aranĝoj rajtas fiksi BTK de HEA, DK de BEA en Smoljan kaj AESSR, kun kiuj JUVENTUR subskribis E-kontraktojn.

**Internacia Buslinio „Esperanto"**

Bydgoszcz — Katowice — Cieszyn — Bratislava — Budapest — Poprad — Zakopane — Krakow — Bydgoszcz. Ĝi funkcios dum 11. 7. — 14. 8. 77. Okazos kvin semajnaj ekskursoj. Eblas aliĝi — lunde en Bydgoszcz aŭ Katowice, merkrede en Bratislava, vendrede en Budapeŝto kaj vendrede en Poprad. Por hungaroj kaj slovakoj estos semajnaj restadoj en Zakopane. Detalajn informojn petu ĉe la organizantoj: BTK de HEA, H - 1443 Budapest, Pf. 153,/ AESSR, Vlĉkova 46, Bratislava kaj „JUVENTUR".

## Esperanto-Weltkongresse 1978 in Bulgarien!

Anmeldung sofort!

Der 63. Esperanto-Weltkongreß findet Ende Juli 1978 in Warna/Bulgarien statt. Er wird 7 Tage dauern. Dieser Kongreß wird zweifelsohne zu den größten Kongressen der letzten Jahrzehnte gehören, da das Kongreßkomitee etwa 4000 Esperantisten aus 50 Ländern erwartet. Der bulgarische Gastgeber und der Esperanto-Weltbund (UEA) bereiten ein außerordentlich interessantes und attraktives Programm vor. DDR-Bürger, die an diesem Kongreß teilnehmen möchten, senden ihre **unverbindliche** Anmeldung bitte **umgehend** an das Büro des Zentralen Arbeitskreises Esperanto, 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Die Anmeldung muß folgende Angaben enthalten: 1. Name, 2. Adresse, 3. Beruf, 4. Geburtsjahr, 5. Teilnahme mit Familienangehörigen gewünscht? (wenn ja, wer?), 6. Teilnahme an einem eventuell zu organisierenden Sonderzug Berlin — Warna gewünscht? Wenn ja, 6a) Hinfahrt, 6b) Rückfahrt (Nichtzutreffendes bitte streichen!), 7. Esperantist seit ..... 8. Kulturbundmitglied seit .....

Wir weisen darauf hin, daß eine Teilnahme am Kongreß nur Esperantisten offensteht, die über entsprechende Sprachkenntnisse verfügen. (Teilnahmemöglichkeiten für Familienangehörige werden erkundet.) **Die unverbindliche Anmeldung muß dem Zentralen Arbeitskreis bis spätestens 20. April 1977 vorliegen!**

Die Gesamtkosten für die Teilnahme am Kongreß werden entsprechend den internationalen Erfahrungen pro Person bei ca. 600—800 Mark liegen. Das bedeutet: Der Kongreßbeitrag wird etwa 250 M betragen. Hinzu kommen Kosten für Reise, Übernachtung und Verpflegung. Diese Ausgaben sind unverbindlich und verändern sich in Abhängigkeit der gewünschten Hotelkategorie, Verpflegungskosten usw. Genaue Informationen über die Kosten, Möglichkeiten der Urlaubsgestaltung für die Familienangehörigen, die sich *während* des Kongresses in Warna aufhalten, aber nicht am Kongreß teilnehmen möchten, liegen voraussichtlich erst Mitte des Jahres 1977 vor.

Eine Woche vor dem 63. Esperanto-Weltkongreß bzw. danach findet der 34. Esperanto-Jugend-Weltkongreß der TEJO in der malerischen Stadt Tirnowo statt. An diesem Kongreß können nur Jugendliche teilnehmen. Die Altershöchstgrenze liegt bei 30 Jahren. Der Kongreß wird pro Person insgesamt etwa 500—600 Mark kosten (Reise, Übernachtung, Verpflegung, Kongreßbeitrag). Diese Angabe ist unverbindlich. Genauere und verbindlichere Informationen werden ebenfalls erst im Laufe des Jahres 1977 erwartet werden können. Jugendliche, die eine Teilnahme am Jugendkongreß planen, senden bitte ebenfalls bis zum **20. April 1977** ihre unverbindliche Anmeldung an das Büro des Zentralen Arbeitskreises. Diese Anmeldung muß folgende Angaben enthalten: 1. Name, 2. Adresse, 3. Beruf, 4. Geburtsjahr, 5. ist eine Beteiligung am 63. Es-

## GRATULOJ

### Pavel Rosa 70-jara

La prezidanto de Asocio de Esperantistoj de Slovaka Socialisma Respubliko (AESSR), ĈSSR, Pavel Rosa, fariĝis 70-jara la 9-an de oktobro 1976. Centra Laborrondo tre kore gratulas al la jubileulo. La multmerita estro de la Slovaka Esperanto-movado retrorigardas al multaj gravaj sukcesoj. Li verkis diversajn lernolibrojn kaj metodikajn materialojn, prelegis sennombre pri Esperanto kaj fariĝis la senlaca motoro de la slovaka movado, reorganizita dum la lastaj dek jaroj.
La plej konsiderinda sukceso de k-do Pavel Rosa estas la televida kurso de Esperanto, kiun li aŭtoris. Konata kiel tre amika kaj helpema homo en- kaj eksterlande, ankaŭ en GDR, Pavel Rosa restis vigla kaj agema. Ni deziras al nia ŝatata jubileulo ankoraŭ multajn sukcesajn jarojn en sano kaj feliĉo. CLE

### Imre Kutaŝ — 70-jara

La ĉefsekretario de Hungara Esperanto-Asocio, k-do Imre Kutaŝ, la 20-an de septembro 1976 fariĝis 70-jara.
La iama diplomato de la Hungara Popola Respubliko lernis Esperanton dum la 20-aj jaroj kaj dum la lastaj jaroj sin redediĉis al la agado por kaj per Esperanto.
Centra Laborrondo tre kore gratulas kaj deziras sanon kaj multe da sukceso kaj feliĉo por la estonto. CLE



### Ekspozicio pri afiŝoj

La esperantistoj el Tiĥvin (ĉe Leningrado) preparas ekspozicion pri internaciaj politikaj afiŝoj kaj serĉas afiŝojn pri la tutmonda batalo por paco kaj amikeco. Ĉiu sendinto de afiŝo ricevos rusan popolan suveniron.
Sendu al Esperanto-Klubo „Lampiro", 187500 Tiĥvin, Leningradskoj, ab/k. 2.



### Internacia Aviadil-Buslinio „Esperanto"

Bydgoszcz — Warszawa — Sofia — Pisanica — Plovdiv — Burgas — Veliko Tirnovo — Sofia — Warszawa — Bydgoszcz. Ĝi funkcios de la 1. 7. ĝis 16. 9. 1977. Startoj el Pollando ĉiam vendrede por dusemajnaj ekskursoj — entute ĝi funkcios dum 10 semajnoj.
Organizantoj: DK de BEA en Smoljan, PK 30, Smoljan/Bulgario kaj „JUVENTUR".



peranto-Weltkongreß ebenfalls geplant: ja/nein (wenn ja, gesonderte Anmeldung senden), 6. Esperantist seit . . . . . 7. Kulturbundmitglied seit . . . . .
Sichern Sie sich durch Ihre **schnelle** Anmeldung Anspruch auf entsprechende weitere Informationen und auf eine organisatorische Unterstützung seitens des Zentralen Arbeitskreises. Über den Charakter der beiden Weltkongresse finden Sie ausreichende Informationen in den Kongreßberichten, die alljährlich in „der esperantist" veröffentlicht wurden. *Zentraler Arbeitskreis Esperanto*




## „Wissenschaftliche Welt" in Esperanto

*Das Organ der Weltföderation der Wissenschaftler „Wissenschaftliche Welt", das bisher in Englisch, Französisch, Deutsch und Russisch erschien, wird seit 1976 auch in der internationalen Sprache herausgegeben. Bestellungen für 1977 sind an den Zentralen Arbeitskreis Esperanto zu richten.*

Jen la unua kaj dua numeroj aperis. El la unua numero: Speciala antaŭparolo informas la esperantlingvajn legantojn pri la celoj de la Monda Federacio de Sciencaj Laboristoj (MFSL), Sekvas Helsinki kaj MFSL; La scienca agado en malgranda evoluanta lando Sri Lanka; Malpermeso de profesia agado en FRG; Scienco kaj progreso; La rolo de araba virino en evoluo kaj liberigo. La revuo certe donos fortan impulson por la pluevoluigo de la scienca terminaro en Esperanto kaj i. a. protio ni tre atenteme kaj kritike rilatu al la uzata terminologio. Komentoj kaj kritikaj notoj estas tre bonvenaj.

Skribu ilin kaj vian opinion pri la unua numero al Asocio de Sciencaj laboristoj en Bulgario, 1000 Sofia, Bul. „Tolbuĥin" 18, Bulgario.

**Kongreso de Pola Esperanto-Asocio**

La 16-an kaj 17-an de oktobro 1976 en Szczecin okazis la 19-a Tutpollanda Esperanto-Kongreso, kiun partoprenis 400 delegitoj kaj gastoj, inter ili la vicprezidanto de UEA, d-ro W. Bormann, kaj reprezentantoj de la Esperanto-organizaĵoj el Bulgario, ĈSSR kaj GDR. Kiel reprezentantoj de CLE partoprenis la prezidanto de CLE Rudi Graetz, la prezidantino de la Junulara Komisiono, Rita Krips, kaj la prezidanto de la Distrikta Laborrondo Esperanto en Rostock, Günter Peters.

La kongreso, kiu laboris en plenkunsidoj kaj 21 komisionoj, elektis novan prezidantaron de PEA. Prezidanto elektiĝis mgr. Andrzej Grzembowski, gvidanto de la „Juventur"-buroo en Bydgoszcz.

Krom la bonega kulturprogramo menciindas la bone vizitata konferenco de MEM sub gvido de Lech Koŝeniak kaj la prelego de d-ro Werner Bormann pri „Esperanto kaj la lukto kontraŭ diskriminacioj".

La Loka Kongresa Komitato faris laŭdindan laboron sub la gvido de Stefania Palica.

Anĝela R. Dimitrova, 1000 **Sofià-C,** ul. Pop Andrej 9/6, dez. kor. tutmonde, kol. pm.
Radoslav D. Drezgev, 1528 **Sofia,** ĵ. k. **Druĵba,** bl. 21, vh. 6, dez. kor. tutmonde, kol. pm.
Petranka Georgieva Dimitrova, 2128 **s. Aprilovo,** okr. sofijski, dez. kor. tutmonde, kol. pm.
Instruistino, 25j., dez. kor. pri muziko: Boĵidarka Simeonova, **Varna-C,** str. Marin Prinov 5
Teknikista projektanto, 31j., dez. kor. kol. E-librojn, memoraĵojn, insignojn, bk, pm: Pejo Raev Pev, 4400 **Pazarĝik,** str. D, Grekov 3
Inĝ. teknikisto, 33j., dez. kor. pri E-movado, kol. pm: Dimitâr Kundel, **Stara Zagora,** str. Georgi Kolev 83 b/A
Instruistino, 28j., dez. kor. p. ĉ. t.: Vaska Banankina, 4580 **Batak,** str. Sedi Strandford 4
Instruisto, 31j., dez. kor. p. ĉ. t.: Denko Karulanov, 6160 **Teža,** str. Sagorski
Laboristo, 29j., dez. kor., kol. bk, fotojn, suvenirojn: Hristov Petko, 5303 **Gabrovo,** str. Clavianska 18
Stojan Šopov, pk. 132, 7700 **Târgoviŝte,** dez. kor. tutmonde
Diversprofesiaj klubanoj de la klubo „Verda Eskadrono", pk. 132, 7700 **Târgoviŝte,** dez. kor. tutmonde
Studento, 21j., dez. kor. pri lingvistiko, kol. pm, bk: Ivan Dimitrov, str. V. Levski 69, 4490 **Septemvri**
Kontistino, 29j., dez. kor. pri literaturo, ekonomio, geografio, turismo: Ceca Ilieva Kristozova, 4550 **Peŝtera,** str. Dimitr Gorov 4

Václav Prochàzka, Leninova 1375/15, 27201 **Kladno,** dez. kor. k. esp. el GDR p. ĉ. t.
Laboristo, 40j., dez. kor. k. esp. el GDR, kol. bk, pm: Čestmir Pavlik, 257 41 **Týnec n/S.,** ĉ. 277, okr. Benešov

Marc Blondeel, 22, rue Claude Debussy, 59130 **Lambersart,** dez. kor. tutmonde, kol. pm.

Lernantino, 13j., dez. kor.: Christine Peters, 195 **Neuruppin,** Beethovenstr. 45

## Hungario

Flegistino, 31j., dez. kor.: Maria **Farkas,** 6900 **Makó,** Nunyadi u. 22, fsz. 3

Komencantoj, 18 — 35j., dez. kor., kol. pm. Bv. skribi al la kursgvidanto Ernesto Schlesinger, 3400 **Cluj,** poŝtkesto 35
Lernantinoj, ŝakludantinoj, 13 k. 12j. dez. kor.: Mihaela kaj Joana Dunĝeanu, PC-Box 502, 5806 **Suceava**

Marta Björk, T. Klockaresg. 5 C. II, 113 30 **Stockholm,** dez. kor. kol. pm.
Vigla pensiulo dez. kor. k. samideanino pri inter. t. ekz. kuiro, hejmarango, ktp.: Algot Hansson, Parmmätaregatan 12, 41 704 **Göteborg**

Daragonaite, Irena Prano, 232 015 **Vilnius,** Rand. Armijor pr. 19—6, dez. kor., kol. pm.

**Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).**
Redaktion: **108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 2 20 29 91**
Verantw. Redakteur: **Dr. Detlev Blanke.**
**Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.**
**Druck: Druckwerkstätte Glauchau**
AN (EDV) 7928 III-12-8 155